2.ª Ep. AÑO II, N.º 6 (142) MARZO - ABRIL 1964



# DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Bela vidaĵo el Valencia, nia ĉarma kongresurbo.

La kongresaj aranĝoj promesas brilan sukceson por Esperanto kaj amuzplenajn momentojn al la partoprenantoj.

Valencia kaj Esperanto atendas vin!

Aliĝu kiel eble plej frue!

BOLETIN DE LA
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



# Jen nia sekretariino...

Va a celebrarse el Congreso, y por consiguiente la Junta General de la Federación, así pues conviene que todos vayamos preparando los asuntos a tratar en ella; hasta ahora el más importante de los previstos es la reforma del Reglamento. Puede que a algunos esto sorprenda, pero es que han sido varios los federados que nos lo han pedido. Durante la Junta General celebrada en Barcelona, ya comunicamos estas peticiones, ha llegado pues el momento de que si alguno quiere enviar alguna sugerencia, lo haga, para estudiarlas y poder preparar esa reforma solicitada, y presentarla para su aprobación.

Otro asunto que conviene haber estudiado antes de nuestra Junta General, es en qué Ciudad podrá celebrar H.E.F. su Congreso en el año 1965, por tanto yo pido a todos los esperantistas, que piensen las posibilidades que tengan para poder organizarlo, y nos lo comuniquen.

Y ya que tratamos de Congresos debo advertir a cuantos deseen asistir este año al que vamos a celebrar en Valencia, envíen lo antes posible sus *aliĝiloj*; en primer lugar para facilitar a nuestros compañeros valencianos el poder organizar la cuestión alojamientos, y también para poder figurar en el Libro del Congreso, ya que nuestro deseo es publicar relación de congresistas.

El Comité Organizador del Congreso desea que este responda por su brillantez a su carácter jubilar; contribuyamos todos a ello con nuestra asistencia y adhesión.



* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Valencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako de H.E.F. vide al la Esperanto-Kongreso okazonta en Valencio de la 21.ª ĝis la 24.ª de julio 1964a. Prezo: Poŝtk, kvin ptojn la deko. Kovertoj, kvin ptojn la deko.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

# BONA VOLO

*Nicolás L. Escartín*

«Novaj ideoj», «novaj konceptoj» pri la vivo, la socio kaj la homo, ŝtormas tra la mondo. En religiaj, politikaj, eĉ sciencaj kampoj, superstiĉo ludas ankoraŭ tre gravan rolon. La homaron traregas bestecaj praimpulsoj kaj la mensojn plenigas iluzilavangoj. La homa estaĵaro baraktiĝas blinde en la Tera marĉo kaj pli-malpli konscie klopodas trovi elirvojon al pli homa vivo. Iuj « klarviduloj » konceptis la mondon kiel gigantan ĵigon urĝe refarendan kaj sekve de tio ĉiaj «ĉiosavaj» opinioj kaj teorioj turniras, jen en privataj, jen en publikaj rondoj, celante atingi ĉu kaĵole ĉu perforte, ĉiesan agnoskon kiu permesos realigan postvivon kaj kondukos nian socion en konvenan staton: Edea ĝardeno estiĝos sur la Tero kaj la homo pacplene kaj harmonie ĝuos la Dian vivlikvoron.

Sed la homa estaĵo PLI SCIA OL KONSCIA, ŝajne ne trovis ankoraŭ la finan solvon kaj sekve la mondo droniĝas en bataloj, malkonkordoj kaj reciprokaj malamoj. Ĉie en la mondo la homo furiozas kontraŭ la homo, kaj ĉe la komercaj, rasaj, politikaj kaj alispecaj aferoj nur ekspluatpensoj ŝajne regas. La proksimulo ruze gvatas la proksimulon kaj, trovinte konvenan okazon, falas sur lin senkompate kaj lupece. Kelkfoje eĉ rabobesto kondutus pli humane ol la homo mem, kaj tio ne estas escepto sed leĝo, observebla en la ĉiutaga rutino de la ordinara vivo.

Estas fakto bone konata ke kiam en pomoplena korbo enestas eĉ nur unu putranta pomo, baldaŭ la sanaj pomoj ekdifektiĝas kaj elputras. Neniam okazas kontraŭe, ĉar sana pomo ne povas sanigi putran pomon. Tio estas natura kaj —en fizika mondo— neŝanĝebla leĝo.

Sed la moralan, la spiritan flankon de la homaro regas aliaj leĝoj, laŭgrade superaj al tiuj de la fizika mondo, kaj tie sana homo povas sanigi «putrantan» homon aŭ homan aron. Ĉio dependas de la spirita forto de la koncerna homo kaj de lia interna konvinko. Kompreneble, ankaŭ ĉi tie sana homo povas putri pro alies «putra kontakto».

Kvankam la sanigo de la putraj elementoj de la homaro povas ŝajni hodiaŭ naivula revo, mi montros al vi rimedon kiu unuavide aspektas kvazaŭ senvalora, sed kies forto —kiu pruviĝis efika— kapablos iompostiome renverŝi ĉiajn obstaklojn. Ĝi estas la nesuperebla, krea forto de la BONA VOLO. Mi tuj klarigos al vi kion signifas ĝuste la vortoj BONA VOLO en la ordinara vivo, en la tagara rutino.

La fama franca filozofo Voltaire ie skribis ke por nenio alia estas pli necesa la plej alta saĝo ol por solvi la plej malgrandajn aferojn de la ĉiutaga vivado. Paralele mi povas aserti tion: por nenio alia estas pli necesaj la malgrandaj agoj ol por solvi la plej grandajn problemojn de la vivo, de la homo kaj de la socio. Kaj tiuj malgrandaj agoj, pozitive orientitaj, ĝuste konsistigas la BONAN VOLON.

La BONA VOLO estas la altira forto plej granda ekzistanta en la homaro. Kvankam ĝi estas la esenca elemento en ĉiu religio, troviĝas super ĉia religia sekto. Sen BONA VOLO oni ne povas realigi ian programon celanta socian bonfarton, kvankam ĝi ne apartenas al ia ideologio aŭ politika partio. Kvankam la BONA VOLO celas atingi nacian boneston, ĝi aliĝas al nenia naciismo. La flago de la Bona Volo neniam flirtas ĉe tiuj batalkampoj kie membroj de iu raso persekutas alirasajn membrojn, aŭ kie iuj membroj de socia klaso kverelas aŭ batalas kontraŭ tiuj de alia socia klaso.

BONA VOLO signifas doni la unuan paŝon tie kie estas io farenda; signifas doni iom pli ol kio estas ĝusta aŭ necesega, ĉar la BONA VOLO komencas tie kie finas kio estas nure ĝusta aŭ necesega.

# NEKROLOGO

Jus mortis en Barcelona je la aĝo de 40 jaroj nia kara samideano Sro. Josep ALDEGUER JAEN, instruisto ĉe la lernejoj LASALLE en la sama urbo.

Sro. Aldeguer estis tre afabla kaj bonkora persono kiu senĉese kaj entuziasme luktis por disvastigi nian noblan ideon. Li gvidis diversajn Esperanto-kursojn kaj ni bone memoras lian entuziasmon helpante tre efike en la organizado en la diversaj Esperanto-okazaĵoj en Barcelona okaze de la Internacia Eŭkaristia Kongreso, je la jaro 1952. Multajn jarojn li estis Vic-Delegito de UEA en la grafa urbo kaj dum kelkaj jaroj li reprezentis en nia lando la legindan japanan revuon OOMOTO.

Ripozu pace nia kara samideano kaj neforgesebla amiko. Lia vidvino, sinjorino Concepción Jané, la kvar gefiloj, lia patrino kaj liaj fratoj, ricevu nian plej koran kondolecon kaj ili havu la certecon ke ni ne forgesos lin en niaj preĝoj.

---

Ankaŭ forpasis mia samideanino Maria Camino Tomás Navascues, en Pamplona, je la 68 jara aĝo.

AL TIES FAMILIOJ NI ESPRIMAS NIAN SINCERAN KONDOLENCON

---

La BONVOLA homo devas stimuli, «sproni», per propra ekzemplo, la ĝentilecon kaj bonkorecon en la homaj rilatoj. Malamika, malafabla sinteno, generas malamikecon, apartigas nin de la aliaj kaj amarigas nian vivon, dum kora, amika sinteno, generas bonkorecon kaj amikecon, kunigas nin kun la aliaj kaj agrabligas nian vivon (kaj ne forgesu ke nia sinteno dependas de propra, konscia aŭ nekonscia elekto!). La praktika uzado de BONA VOLO montros al ni ke la nombro de bonvolemecaj homoj estas multe pli granda ol supozate).

En la ĉiutaga vivo ni ĉiam klopodu solvi niajn personajn problemojn per pacaj, afablaj rimedoj, kaj instigu aliajn fari la samon. Ni montru ĉiam kunlaboran spiriton rilate ĉion farendan por la bono de aliaj. Ni peru, penante forigi, erodi aŭ almenaŭ mildigi, la akrajn frotpunktojn, malbonajn sentojn, inter tiuj homoj aŭ grupoj al ni plej proksimaj aŭ apartenantaj al niaj ordinaraj rilatoj. NI ESTU KVAZAŬ «LUBRIKAĴO» DE LA HOMA MEKANISMO.

BONA VOLO signifas kontraŭlabori ĉian fanatikecon kaj ekstremecon; signifas instigi toleremon, interkomprenon, vastan kriterion, kaj harmonian kunvivadon inter ĉiuj kiuj ne partoprenas samajn vidpunktojn. Bone analizinte, oni vidos ke, en la fundo de nia koro, ni ĉiuj deziras la samon, kvankam iuj el ni pensas ke iu aŭ alia metodo estas plej bona por ĝin atingi.

Por meti finpunkton al mia jam tre longa artikolo mi diros, ke la homo de BONA VOLO, laboras laŭ la mezuro de siaj fortoj kaj pozicio en la vivo, por malaperigi ĉiajn antaŭjuĝojn kaj apartigilojn inter homoj, sociaj klasoj, rasoj, religioj, nacioj aŭ organizoj, ne atakante ilin sed elpensante rimedojn kaj motivojn por pliproksimigi la ligilojn inter la homoj au grupoj kiuj iel malkuniĝis, montrante al ili la neceson kaj konvenon de la BONA VOLO en ĉiuj rektaj rilatoj inter la homoj. La apartigiloj —senkonsidere kiaj ili estas— dividas, disigas la homojn, generas antagonismon kaj kontraŭbatalon. Tial, estas devo de ĉiu persono havanta ioman socian konsciencon, forigi barilojn kaj akcenti la fakton, ke niaj pensoj kaj agoj efikas sur la aliajn, samkiel tiuj de la aliaj efikas sur nin. *BONA VOLO signifas meti en la unuan lokon tiujn aferojn kiuj kunigas nin kaj nin kondukas al pleja solidareco, kaj pretervidi tiujn kiuj nin apartigas* kaj diferencigas.

Kaj estas superflue diri kiom necesa estas la uzado de BONA VOLO ĉe nia Esperantista strebado, kie ĝi, anstataŭ escepto, devus esti regulo. Zamenhof mem, kreinto de Homaranismo, bone atentis pri tiu flanko de la homo pri kiu temis miaj plejĵusaj Esperantlingvaj artikoloj.

Febrero 1964.

# NI HONORU ILIN

*Ĉiam kiam la disvolviĝo de la homa kulturo postulas ian rimedon por plua antaŭeniro aperas grandulo (multfoje en humila medio) kiu kvazaŭ profetece enkarniĝas kaj ekrealigas ĝin spite la neeviteblan kontraŭstaron de la reakciularo kaj la stagnemon kaj apation de la homa amaso.*

*Sed tiu efektivigo fariĝus neplenumebla tasko -eĉ por grandulo memsen la labora helpo de tiuj sindonaj, klarvidaj homoj -veraj apostoloj de idealo- kiuj ekde la unuaj momentoj komprenas la gravecon de la entrepreno kaj klopodas ĝin realigi per iliaj tutaj fortoj kaj, oftfoje, tra nekalkuleblaj danĝeroj kaj penoj. Tiuj homoj estis kaj estas la rokofirmaj, granitaj kolonoj sur kiuj baziĝas la sukceso de ajna idealo, kaj eterne meritos la elkoran rekonon de ĉiuj konsciencaj homoj.*

*En la vasta popolo de Esperantujo, ni havis kaj havas tiajn homojn. Dank'al ili Esperanto kreskis kaj prosperis en la krizaj tempoj de nia historio, disvolviĝis ĉe ĉiuj sociaj tavoloj kaj atingis la florantan staton kiun ni nuntempe frandĝuas. Fieri pro tio estas nia rajto kaj honori ilin nia devo.*

*La estraro de H.E.F., atenta al ĉiu meritita honorigo, decidis aperigi en ĉiu numero de BOLETIN biografian skizeton de unu el niaj pioniroj fizike vivantaj kune kun liaj respondoj al kvinopa demandaro. Ni esperas ke ties respondoj -distilita scio, riĉa produkto de longa sperto-, estos valoraj kaj gvidaj instigoj por la agema esperantistaro nun laboranta por la fina atingo de nia grava celo.-N. L. ESCARTIN.*



**Niaj pioniroj...**

## Jaime Miró Giné

La paĝojn de nia revuo honorigas hodiaŭ la figuro de nia samideano Jaime Miró Giné, kies kvindekjara laboro por kaj per Esperanto estas nekontestebla pruvo de granda amo al nia idealo kaj de nelacigebla karaktero ĉiam fidela al la «interna ideo» de Esperanto kaj al la mesaĝo kiun ĝi enhavas.

Laŭ li mem rakontas, en la jaro 1912a, estante 18 jaraĝa knabo, eklernis Esperanton, tute sola, pere de la gramatiko de D-ro Bremon. Monaton poste li jam komencis korespondi kun eksterlandanoj esperantistaj. Tiu korespondado daŭris ĝis la jaro 1914a, kaj ĝin haltigis la eksplodo de la unua mondmilito. Nur sep jarojn poste —en la jaro 1921a— li reaktivigis siajn kontaktojn kun eksterlando.

La ricevo —en la jaro 1926a— de la jugoslava revuo «Fervojisto» (kaj estante li mem fervojisto) instigis lin kontakti kun la hispana peranto de la menciita revuo. Sekve de tio, kaj post diversaj kunsidoj de kelkaj esperantistaj fervojistoj, aperis la HISPANA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ», kies ĉefdelegito por Katalunio li mem tuj estis.

De tiam ĝis nun —kaj tra diversaj avataroj— la esperantistiga laboro de nia samideano estis senĉesa kaj eksterordinare fruktodona. Li klarigis multnombrajn E-kursojn kaj varbis ĉiam pli kreskantan nombron da homoj al nia aiero.

Hodiaŭ —jam en la 71 jara aĝo— ankoraŭ daŭrigas sian senlacan strebadon en la esperantista instruado kaj— laŭ liaj propraj vortoj— ĝin daŭrigos «ĝis kiam mia koro ne povos plu».

Post ĉi tiu malgranda kaj supraĵa skizo pri lia esperantista vivo (detala raporto postulus ja multajn paĝojn), ni faras al nia kara samideano kaj amiko la jenajn demandojn:

1.—*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

En Barcelona je la jaro 1912ª kiam mi estis 18 jaraĝa, mi jam de tri jaroj antaŭ eksciis ion pri internacia lingvo Esperanto, kiam mi estis ankoraŭ knabo okazis en Barcelona Internacia Kongreso de Esperanto. Sed en la jaro 1912ª parenco mia venis ĉe min sciigante min ke li estis lernanta Esperanton kiu estis tre facila lerni. Do mi tuj eklernis ĝin per la Gramatiko Bremon sen iri iun kurson.

2.—*Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Estante mi idealista junulo estis la tialo kiu min instigis lerni Esperanton por povi interrilatiĝi kun eksterlandaj gejunuloj, ĉar mia juna cerbo ĉiam estis cerbumanta pri kio estas la homa vivo.

3.—*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

La ĉefa celo de Esperanto laŭ mia opinio, estas, ke nur estu en ĉiu lando du lingvoj, la patrina kaj la internacia lingvo, kiu estu facila lerni. Car Esperanto estas la plej facila kaj atingebla por ĉiuj popoloj, estante ĝi pacigilo kaj fratigilo, Esperanto nur volas ke estu oficialigata lingvo kiel internacia, sed ke ĝi estu facila lerni. Do kiel Esperanto estas neniu kiu povas superi la facilecon, kiun havas la helpa internacia lingvo Esperanto.

4.—*Kion vi —spertulo— konsilus fari al la esperantista aro por pliviglIgi kaj pligrandigi nian movadon?*

Mi devas senkaŝe konsili la esperantistaron, ke antaŭ semi la esperantan semon oni devos plugi bone la grundon por ke la semado donu bonan rikolton al la esperanta movado; oni devus publikigi artikolojn pri kio estas Esperanto en lokaj ĵurnaloj kaj revuoj kaj okazigi ofte konferencojn.

5.—*Post via longa vivo Esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Mia mesaĝo, kiun mi devas transdoni al la denuntempaj geesperantistoj, ke ili ellernu bone Esperanton por povi anstataŭigi la maljunajn esperantistigantojn, ke ili vivadu multajn jarojn kun konstanteco kaj aktiveco por grandigi nian aman idealon plena je harmonio.

# VOJAĜO AL SKANDINAVIO

*Ramón Molera*

*Ĉiam dank' al Esperanto.* — Lastjare mi feriis dum oktobro, kaj kun mia edzino ni decidis fari vojaĝon al la norda parto de Eŭropo, Skandinavion.

Unue mi skribis al la Del. de UEA en Stockholm, S-ino Carrfors, pri la taŭgeco alveni ĝis la sveda ĉefurbo je la komenco de oktobro kaj ŝi respondis ke ĝenerale, dum la aŭtuno, tie la vetero estas sufiĉe bona. Mi komencis la organizadon de la longa vojaĝo kaj per la poŝto mi ekĝenis la lokajn Delegitojn de UEA kaj la koncernajn Esperanto-Grupojn de la vizitotaj urboj.

Denove montriĝis la efikeco de Esperanto kaj la bonvolemo de la gesamideanaro; la vojaĝo plene sukcesis; legu kaj vi mem juĝu.

*Parizo nia unua haltejo.* — La 1-an de oktobro ni forlasis Barcelona je la tria kaj duono posttagmeze. Post tutnokta fervoja veturado ni atingis la francan ĉefurbon venontan matenon je la 8-a. Bedaŭrinde pluvetis kaj la urbo perdis iom da beleco, sed malgraŭ ĉio ni profitis por reviziti kelkajn indajn lokojn, speciale Notre Dame. Saman vesperon ni envagoniĝis denove, rekte al Hamburg.

*La germana miraklo.* — En Hamburg gesinjoroj Wielgus, frate akceptis nin. Dum du tagoj ni provis vidi la plej interesajn aferojn de la metropola urbo kun impona haveno. Ni ankaŭ vizitis la INTERNACIAN ĜARDENAN EKSPOZICION (IGA), kie ni havis bonegan okazon fari belegajn kolorajn fotojn. La 3-an de oktobro, vespere, ĉe la loka Esperanto-Grupo, pere de koloraj diapozitivoj mi prelegis pri Hispanujo.

Kun nostalgio ni lasis la urbon; ĝi estas mirinda kaj plenplena de aktiveco; la vundoj de la milito jam tute malaperis.

*«Kie abondo estas malofta kaj manko pli malofta».* — Belan posttagmezon ni alvenis al la ĉarma dana ĉefurbo kaj samideano Sro. G. Kühlmann, Prezidanto de loka Esperanto-Konversacia Klubo bone ordigis nian restadon en Kovenhvn. La urbo estas belega kaj dum tri tagoj ni promenadis tra ĝi. Eĉ ni povis admiri la ŝanĝon de la gvardio ĉe la Reĝa Palaco. Nia vizito ĉe lokaj samideano; konstatigis al ni la verecon de la broŝuro eldonigita de la dana ŝtato, kies titolo ni mencias je la komenco de ĉi tiu paragrafo.

Antaŭ la gemembroj de la kvar lokaj Esperanto-Grupoj mi prelegis pri Hispanujo.



HAMBURG
(GERMANUJO)
La haveno

*La sveda paradizo.* — Jam multe ni legis pri la alta vivnivelo de la svedoj, kaj certe tiuj kiuj tion skribas ne troigas. Tra la tuta lando oni povas konstati grandan aktivecon kaj regulan disvastiĝon de la konforteco.

En Malmö geedzoj Strönne vere agrabligis nian restadon kaj eĉ ni havis tempon por rapida vizito al la tipa Katedralo de la najbara urbo Lund. La organizita prelego pri Hispanujo bonege sukcesis pro multnombra ĉeestado de lokaj gesamideanoj.

Nia venonta haltejo estis Linköping. Amikino nia el Barcelona kiu loĝas tie, konigis nin la urbon. Vespere ni ankaŭ profitis la okazon por prezenti la prelegon pri nia lando; ĉeestis la lokaj gesamideanoj kaj ankaŭ kelkaj el najbaraj urboj. La Prezidanto de la loka Grupo, Sro. Leijder, bonege organizis la vesperon.

Stockholm atendis nin kaj tie ni alvenis ĵaŭdan postagmezon. S-ino. Carrfors bone helpis nin kaj ŝi sukcesis konigi nin belan parton de la urbo: Parkon Skansen kun belaj tipaj domoj de la diversaj svedaj regionoj. Ĉe la Prezidanto de la loka Klubo, mi prezentis antaŭ bonnombro de geesperantistoj —inter ili jugoslava samideanino—, la kolorajn diapozitivojn pri nia lando.

En la sveda ĉefurbo la trairado de veturiloj en la stratoj estas impona kaj la konstruado de novaj kaj modernaj domoj estas preskaŭ freneza afero.

De Stockholm ni veturis al Hallsberg, fervoje, kaj tie atendis nin gesinjoroj Carlén. Ili kondukis nin ĉe ili en Hallabrottet, ĉarma urbeto kie estas tre grava industrio pri konstruaj materialoj YTONG, kies posedanto kaj gvidanto estas sro. Carlén. Tie ni trapasis la plej agrablajn horojn de nia longa vojaĝo. Vespere, antaŭ la gemembroj de la loka Esperanto-Grupo kaj nombro de invititoj mi prelegis pri Hispanujo; Sro Carlén tradukis sveden por la ne esperantistoj.

*Rava Norvegujo.* — En Oslo ni alvenis dimanĉon matene kaj tuj ni komencis promeni tra la vizitinda urbo. La Reĝa Palaco, La Katedralo kaj la moderna kaj bela Urbodomo estis niaj unuaj celoj.

Dank'al la afableco de Sro. Stop-Bowitz kaj S-ino. Ek ni havis la plezuron admiri la belajn ĉirkaŭaĵojn de la norvega ĉefurbo. Ni kunvenis ĉe somera restadejo de loka samideanino, sur bela fjordo kaj je kelkaj kilometroj de Oslo; la rakonto pri Hispanujo bone plaĉis al la ĉeestantoj kaj ni havis la egan ĝojon saluti tie al la geedzoj Caspery-Criach (ŝi Pepita Criach el Sabadell) kun siaj du ĉarmaj kaj simpatiaj gefiletoj.

*Denove en Danujo.* — Ni enŝipiĝis en la Oslo-a haveno je la 4-a posttagmeze kaj venontan matenon je la 8-a. la afablaj samideanoj de la lokaj Grupoj en la dana urbo Aarhus jam kore akceptis nin. Ili okazigis ĵurnalan intervjuon al ni. Ĵurnalistino faris ĝin, kaj vespere en la grava AARHUUS STIFTSTIDENDE aperigis niajn respondojn pri Esperanto kune kun granda foto nia. En luksa hotel-salono okazis la prelego pri nia lando kaj la ĉeestantoj longe demandis pri la suna Hispanujo.

*De la nordo al la sudo, jam.* — Ni eniris en Germanujon, denove, kaj en Hannover ni trapasis neforgeseblajn horojn dank'al la afableco de gesinjoroj Müller kiuj tre simpatie akceptis nin hejme. Tie mem ni prezentis la diapozitivojn antaŭ aro de gemembroj de la loka Grupo kaj Sro. Müller ankaŭ reciprokis nian agon prezentante belan kolekton de koloraj bildoj pri Hannover. Venontan tagon aukoraŭ ili akompanis nin tra la ĉarma urbo.

Ni daŭris la vojaĝon haltante unu tagon en FRANKFURT-MAIN kie ni admiris la grandan viglecon de la urbo. Ni sekvis nian vojaĝon al Francujo. Nia halto estis en la tipa kaj belega urbo Strasbourg, kie ni multe ĝuis vizitante la mirindan katedralon kaj la aliajn vidindaĵojn de la historia urbo.

Denove al la vagonaro kaj ĝis Lyon. Tie okazis nia lasta prezentado pri Hispanujo. La tuta loka Grupo estis tre gastema kun ni kaj post la prelego oni invitis nin tagmanĝi ĉe tipa hispana restoracio. Posttagmeze oni profitis la okazon por konigi al ni la plej indajn monumentojn: La Urbodomo, la Katedralo, la malnova kvartalo kun belegaj internaj kortoj kaj fine la Baziliko de Fourvière. Speciale ni restis tre dankemaj al fraŭlinoj Clavier kaj Perra.

Nokte ni jam envagoniĝis kaj venontan tagmezon ni alvenis denove en Barcelona. Ni preskaŭ veturis 8.000 kilometrojn; ni enpenetris solaj en landojn kies lingvoj ni ne komprenis; ni salutis malnovajn geamikojn kaj ni gajnis multajn novajn kaj ĉio estis ebla dank'al nia kara lingvo ESPERANTO.

# ¡¡UN PASO MAS!!

Nos complace publicar, para conocimiento de nuestros lectores, y por su excepcional importancia para la difusión de nuestra lengua Esperanto, el escrito que el Excmo. Sr. Ministro de Información y Turismo, ha dirigido a nuestro Presidente, respecto a la utilización del Esperanto en la propaganda turística de nuestro país.

js.



EL MINISTRO DE INFORMACION Y TURISMO

Madrid, 24 de Febrero de 1.964

Excmo. Señor D. Miguel Sancho Izquierdo
Rector Honorario de la Universidad de Zaragoza
Presidente de la Federación Esperantista Española
Zaragoza

Mi querido amigo y compañero:

Tengo mucho gusto en acusar recibo a su amable carta del día 7 del actual, lamentando no haberlo hecho a la anterior. Mis colaboradores esperaban nueva ampliación de Vds. a lo que en ella se trataba.

Respecto a la edición que Vd. sugiere de un folleto o plegable, no veo ningún inconveniente en que nuestro Ministerio lo efectuara, facilitando así información sobre España a los Esperantistas de todo el mundo. Puede Vd. enviarme la traducción de la que me habla, aunque no sé exactamente a qué folleto corresponde, y le ruego que me lo precise. De todos modos, vá a salir pronto un folleto con simpáticos dibujos que se titulará "España para Vd." y del que haremos una amplia tirada en varios idiomas. Aunque no figuraba en nuestro plan, tendré mucho gusto en estudiar la edición en Esperanto.

Respecto a la emisiones de radio, he pasado una nota al Subdirector General de Radiodifusión, D. Manuel Aznar, a fín de que estudie la cuestión y vea la posibilidad que existe de complacerle.

En espera, por tanto, de su próximas nuevas noticias, le envía un cordial saludo con el afecto de siempre,

M. Fraga Iribarne

Un nuevo triunfo de nuestro Presidente que, al par de llenarnos de íntima satisfacción, nos hace concebir la esperanza de un brillante futuro para la lengua auxiliar en los medios oficiales de España.

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## T E S O R E R I A

### Balance en 31 de Diciembre de 1963

## C O B R O S

| Concepto | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit del año 1962 | | 801' - | Pesetas |
| Cuotas | 47.415' - | | |
| Intereses en Valencia | 86' - | | |
| Intereses en Zaragoza | 168'10 | | |
| Donativos en 1963 | 6.014' - | | |
| Venta de material y diplomas | 1.362' - | | |
| Derechos de examen | 400' - | | |
| Ingresado de Libroservo 1963 | 672'20 | | |
| Cobrados de cuentas anteriores a 1963 | 3.000' - | 59.117'20 | 59.918'20 |

## P A G O S

| BOLETIN: | | | |
|---|---|---|---|
| Composición e impresión | 27.650' - | | |
| Fotograbado | 2.452' - | | |
| Sobres | 880' - | | |
| Gratificación al Director | 500' - | 31.482' - | |

| Concepto | | | |
|---|---|---|---|
| Helpanto-Sekretario en Valencia (5 meses) | 2.500' - | | |
| Alquiler archivo y secretaría en Valencia (5 meses) | 500' - | | |
| Factura Sr. Garrigós Valencia | 207'60 | | |
| Fomento Turismo Valencia | 90' - | | |
| Postales y gastos varios Valencia | 601' - | | |
| Sellos correos Valencia | 1.392' - | | |
| Tasas Gobierno Civil Valencia | 750' - | | |
| Portes traslado | 345' - | | |
| Tasas inscripción Gobierno Civil en Zaragoza | 110' - | | |
| Tasas sellado Libros Gobierno Civil en Zaragoza | 75' - | | |
| Libros de Actas, Mayor y Registro Socios | 237' - | | |
| Permiso publicación Boletín | 160' - | | |
| Circulares y sobres | 1.386' - | | |
| Saludas, papel y sobres | 535' - | | |
| Postales y postales recibo | 440' - | | |
| Membrokartoj | 260' - | | |
| Alvoko | 135' - | | |
| Impresos | 90' - | | |
| Sellos caucho | 170' - | | |
| Diplomas | 700' - | | |
| Arrreglo máquina escribir | 180' - | | |
| Cuota de U. E. A. 1963 | 1.604' - | | |
| Ayuda a H. E. J. S. e Informaoficejo | 2.410' - | | |
| Telegramas a Roma | 226'70 | | |
| Lotería Navidad | 180' - | | |
| Gastos varios | 344'20 | | |
| Club del disco | 139' - | | |
| Sellos correos | 2.839'40 | 18.606'90 | 50.088'90 |
| Superávit en 31 de Diciembre de 1963 | | | 9.829'30 |

La Tesorera,

M.ª PILAR GOMEZ

# ĈU FINIĜIS LA JARO DE LA JUNULARO?

La jaro 1963-a «Jaro de la Junularo» «en la tutmonda esperanta movado jam ne estas kun ni. La junularaj organizoj, Landaj kaj internaciaj firmigis siajn poziciojn. Multaj landoj kiuj komence de la antaŭa jaro ne havis junularan sekcion, fondis ĝin. TEJO eldonis la unuan ekzempleron de «KONTAKTO» vera fieraĵo de la Esperanta movado, ne nur de la gejunuloj sed ankaŭ de la veteranoj. En la tuta mondo la gejunuloj vekiĝis kaj prenante la esperantan standarton, kreis dum unu jaro, tiom da organizoj, fakoj, bultenoj, revuoj, kaj donis tiom da konfidon al la veteranoj pri siaj ebloj en la estonteco, ke la gejunularo mem ne komprenas tian miraklon.

Sed la realaĵo staras antaŭ ni, ekzemple: nia junulara sekcio HEJS atingis dum la menciita jaro la jenajn sukcesojn: Pliiĝo de sia membraro 60%. Sendi al UEA 15,000 uzitajn poŝtmarkojn. Inviti 4 eksterlandajn junulajn reprezentantojn al la kongreso de Barcelono. Organizi oratoran konkurson, kaj krom, tio, eble la plej grava; trovi sidejon kun du ampleksaj ĉambroj en Barcelono por HEJS, situanta en centra parto de la urbo.

Unuvorte HEJS solvis unu el la plej malfacilaj problemoj de ĉiu organizo.

Similan sukceson atingis la aliaj junularaj organizoj. Tiel do konstatante ke dum la antaŭa jaro la Esperanta movado multe progresis ni devas daŭri laborante por Esperanto se ni vere deziras konkeri novajn poziciojn kaj samtempe konservi tion kion oni atingis pasintjare.

Oficiale finiĝis la «Jaro de la Junularo», sed vere laŭ niaj koroj, niaj sentoj, niaj deziroj, ankoraŭ ĝi daŭras; tial ni devas streĉi niajn fortojn, unuiĝi niajn energiojn kaj persisteme kaj kuraĝe sekvi laborante por la Esperanta movado. Estas sciate ke la esperantistaro ne havas grandan financan rimedon kaj ankaŭ ne multajn liberhorojn, tamen, en nia spirito la fajro de nia fervoro, favore al Esperanto neniam estingiĝos. Al la Internacia Lingvo ni dediĉis kaj dediĉos kelkaj jaroj, eble la plej bonaj kaj gravaj el ni ĉiuj.

*H.E.J.S. Prezidanto:* S. ARAGAY



Parto de la H. E. J. S. estraro

UNUA SIDEJO DE HEJS

La foto montras parton de la HEJS estraro okaze de estrara kunveno de HEJS. Partoprenis 15 gejunuloj kaj dum 3 horoj oni diskutis la nunan situación de la junulara movado en nia lando kaj eksterlando.

Per la HEJS-bulteno oni informos pli detale pri la traktitaj aferoj, ĉar ilia abundo ne permesas informi vin nune.

Tamen, ni komunikas al vi ke dank' al la nova sidejo jam komenciĝis du kursoj unu elementa gvidata de S-ro Gracia kaj alia meza gvidafa de P-ro J. Aragay. Samtempe oni atingis 20 novajn membrojn. Plie 4 junulinoj kiuj partoprenos en la 20-a I.J.K. de TEJO en Amsterdam aktive lernas kaj perfektigas sian ligvokonon, kun la celo reprezenti kune kun S-ro Gonzalo Herrero oficiala reprezentanto de HEJS nian landon, brile kaj honore.

Ankaŭ Pro J. Aragay prelegis la sabaton 14-a de decembro pri D-ro Zamenhof kaj la Deklaracio de la Homaj Rajtoj».

Nia klubo marŝas antaŭen, sed ĝis nun multaj HEF-anoj de Barcelono veteranaj kaj junulaj ne partoprenis niajn aranĝojn. La HEJS-estraro invitas vin leganto veterana aŭ junula viziti nian novan sidejon: str. Casanova 57-6-7 ĉiu jaŭdo kaj sabato ekde la 7 h. ĝis la 9,30 h. vespere.

La HEF-anoj povos en la klubo disponi pri: radio, tablotenisto, biblioteko ktp. Vizitu nin, ni atendas senpacience vian helpon kaj kunlaboron.

HEJS-Estraro

Alia noto.

MADRIDA ESPERANTA JUNULARA GRUPO

(HEJS-Delegacio en Madrido)

Ankaŭ M.E.J.G. gvidata de nia Delegito S-ro Gonzalo Herrero atingas iom post iom bonan sukceson, ĉar ĝi estas hodiaŭe la dua grupo plej potenca de nia lando.

Komence de la nuna jaro M.E.J.G. ekmultobligis tutpaĝan informilon tre interesan kiu estas sendita al ĉiuj HEJS-anoj de Madrido. Pro tio ke nia Madrida anaro sekvas la ĝustan vojon, ni sincere dankas ĝian mirindan ideon, ĉar nun tiamaniere pere de konstanta interrilato de estraro kaj anoj povos nia movado atingi pliajn sukcesojn.

M.ª TERESA MAGRIA

## Konsiloj al la lernantoj

Jen la ĉefaj elementoj
por la studo de Esperanto
kiuj estos por lernanto
kvazaŭ firmaj fundamentoj.

Antaŭ ĉio la tabelo
de vortoj korelativaj;
ili estas tre aktivaj
por la gramatika celo.

Ankaŭ por ni estas grava
la prefiksoj kaj sufiksoj
(kune nomataj afiksoj)
pro ĝia funkcio grava.

Prepoziciojn kaj konjunkciojn
adverbajn frazojn, laŭ deca uzo,
per ili povas vi sen konfuzo
korekte formi propoziciojn.

Mi multe al vi rekomendas
por finigi la instruadon
akirante leksikonon,
uzi ofte la vortaron;
sed ĉi tiu devas esti
je tre malgranda formato
por porti ĝin en la poŝo
kaj konsulti ĝin sen laco.

Ĉi tiu poŝvortareto
realigos ja miraklojn,
kiel preciza kondiĉo
estos Hispano-Esperanto.
Vi ĝin faru manuskripte,
prefere, de via mano.
Kaj ĝi devas nur enhavi
la plej uzatajn vokablojn.

Ĝis ellerni ĝin memore
ne ripozu via kapo.
Sed ne timiĝu pro tio.
Ne estas tre granda la tasko,
ĉar por esti plenumita
vi nur bezonas monaton,
studante iom post iom
du literojn ĉiu tago.

Kvankam al vi mankus tempo,
vi havos oftajn okazojn:
En la domo, en la kafejo,
ĉe la strato, ĉe la placo,
dum vi atendas amikon,
dum vi prenas matenmanĝon,
dum vi veturas en metro
aŭ vojaĝas en la tramo,
dum la ripozo en kinejo,
dum teatra interakto.
Ĉiam kaj ĉie vi povas
poŝeltiri la vortaron...

---

La efiko de la sistemo
estas evidenta faro
jam provita de mi mem
kun mirinda rezultato.

ADALBERTO DE LA TORRE



## ADIAŬ AL ARBETO!

En lerneja la ĝardeno,
en la bela Majofino.
blankfloradis la jasmeno
apud ĉiam verda pino:
kiam neĝo malaperis
per florneĝo sin borderis

Studentaro ne atentas
al florado de jasmeno
ili mallaboron pentas
je proksim' de l' ekzameno;
sed fidele ĝi deĵoris
kaj finmaje ŝi ekfloris

Sporto estas sanga dio:
ĝi postulas arbomorton;
por konstruo de stadio
el ĝardeno faru korton
Kiu ploros pri jasmeno
dum la pilka piedpreno?

Mi kompatas Vin, jasmeno,
Veas mi komunan sorton:
En la bela vivĝardeno
ankaŭ mi fariĝos korto!
Baldaŭ estos Vi hakita;
mi fariĝos emerita

A. NUÑEZ DUBUS

# Jen nia Gramatiko

Ramón B. Calvo Lamadrid

La difino kiun ni lernis por gramatiko en nia infanaĝo estis tre facila: Gramatiko estas la arto paroli kaj skribi korekte iuajn lingvo». Ankaŭ estis tre facilaj la gramatikaj partoj: modoj, tempoj kaj konjugacioj. Kaj nian lingvon oni nomis kastilia, ne hispana, ĉar oni komencis ĝin paroli en Kastilio.

Mi konas iome la gramatikojn franca, angla kaj portugala, sed neniu el ili estas tiel komplika kiel la nia, la hispana. Mi demandas al mi: Kie lernis gramatikon homoj kiel Homero, Virgilio, Cervantes, Verdaguer, Goethe, Quevedo, k.t.p.?

La aktualaj homaraj tendencoj iras al la specialistigo en ĉiuj branĉoj de Scienco, ĉar oni komprenis ke la homa menso havas limojn.

En la scienca kampo, la matematikoj estas lingvo universala, kaj Anglujo adoptis freŝdate la dekuman sistemon; kial ne povas esti Esperanto la internacia helpa lingvo kiu kunigos la homojn en komuna idealo?

Mi serene primeditis la aferon kaj alvenis al jena konkludo: Kvankam multaj obstakloj kontraŭas ĝian disvastigon, la internacia helpa lingvo Esperanto estos la oficiala lingvo kiu kunigos la homojn en frata ĉirkaŭbrako, konkordo kaj eterna paco.



## Deziras korespondi...

POLLANDO. — Zary; Dubomysl, 38.- Sro. Erwin Buganik. — Deziras korespondi kun seriozaj gesamideanoj kaj interŝanĝi bildkart. alumet - etiket. kaj poŝtmark. Ankaŭ interesiĝas pri magio (mi estas iluziamatoro).

POLLANDO. — Naklo/Not; ul. Bydgoska, 41 m.8 woj. Bydgoszcz, Sro. Jerzy Grus. — Mi deziras korespondi kun bela fraŭlino el Hispanio, se eble 16 jaraĝa (mia aĝo), aŭ aliaj knabinoj. Mi interesiĝas pri teatro, filmo, muziko kaj radiotekniko, kaj kolektas poŝtmark, poŝtkart, kaj bier-etiketojn. Ankaŭ mi korespondus pri aliaj temoj.

BULGARIO. — Vraca.—Tekstila Teknikumo. Sro. Enjo Daskalov. - Por sciencaj laboroj mi kolektas lernolibrojn pri maŝindesegno en diversaj lingvoj. Ĉiu kiu sendos al mi maŝindesegnajn librojn en kiu ajn lingvo, ricevos specialan donacon aŭ kio li / ŝi / deziras. Ĉe mia adreso 200 gelernantoj deziras korespondi. Respondo garantiata.

ĈEĤOSLOVAKIO. — Havlíĉkuv Brod, Ledeĉská 716, S-ro Ludvík Zelezny. — Membroj de Esperanto-Grupo deziras korespondi pri diversaj temoj tutmonde, interŝanĝi bildkart. poŝtmark. esper. glumark. kaj ilustritajn gazetojn. Respondo garantiata!

HISPANIO. — Grupo Esperantista. — ALAR DEL REY (Palencia). — 45 gesamideanoj deziras korespondi p.ĉ.t. k.ĉ.l. — Skribu al la adreso de la Grupo petante detalojn. — Respondu amase.

* RENKONTIĜO EN NORDA REGIONO. — La vigla ORDIZIA ESPERANTO-GRUPO en VILLAFRANCIA DE ORIA, organizis feston kaj ekskurson okaze de la Esperanto Kursfino 1964a.

Precipe proksimaj samideanoj kaj apudaj regionoj estas petataj partopreni tiun interesan renkontiĝon. Petu aranĝprogramon kaj aliĝilojn al ORDIZIA ESPERANTO GRUPO, Casa TORREA, VILLAFRANCA DE ORIA, (Guipúzcoa).

Ni ankaŭ komunikas al nia legantaro ke antaŭ nelonge tiu Grupo ricevis mondonacon kiu estis ĝentile oferita de la loka ŝparkaso, kaj kies sumkvanto atingas 500 pesetojn. Gratulon al la grupo kaj sinceran dankon al la donantoj.

* BARCELONA FOIRO. — Okaze de la Barcelona foiro, oni eldonis 13.000 grandajn afiŝojn en Esperanto. Ankaŭ oni eldonos poŝtkartojn kaj glumarkojn.
Nia eksterlandaj samideanoj ricevos la afiŝon senpage se ili skribas al nia samideano EVARISTO GIL, Apartado, 875, BARCELONA (Hispanio), kiu ankaŭ informos pri la poŝtkartoj kaj glumarkoj.

* AGRUPACION DE ESPERANTO DE VILLANUEVA Y GELTRU. — Con una interesante conferencia de nuestro «samideano» y laureado poeta D. Francisco Vilá Costa, Secretario del Premio Internacional de Esperanto «COMELLA-BASSOLS», sobre el tema «Progressos de l'Esperanto en el món actual», ha iniciado esta Agrupación una nueva etapa de actividad al integrarse a la Entidad FOMENTO VILANOVES, y constituir así una Sección Cultural de la misma.

Al felicitar por ello a nuestros «samideanos» les deseamos nuevos éxitos en su labor en pro de nuestra lengua.

* ADRESO-ŜANĜO. — Per komuniko alveninta de Washington ni sciiĝis ke la tiea ESPERANTO-DOMO transiris en alian loĝejon. Ankaŭ ni plezure informas ke la ESPERANTO-DOMO de Washington gastigas tute senpage ĉiujn esperantistojn, kiu ajn estu ilia nacideveno kaj kies restado ne estu longedaŭra. Sufiĉas nur lingva kapablo kaj sincera samideaneco. La hispana esperantistaro estas invitata viziti la esperanto-domon de Washington. La nuna adreso estas: ESPERANTA DOMO, 7706 Alaska Ave., N. W. WASHINGTON, D.C. U.S.A.

## VILLANUEVA Y GELTRU

6.ª Barcelona Provinca Esperantista RENKONTIĜO dum la 26.ª de aprilo 1964.".

Organizita de Esperanto Grupo Villanueva y Geltrú del Fomento Villanovés, kaj B. E. K.

Sendu amase salutkartojn ! !

## PARA NUESTRO BOLETIN

### DONATIVOS RECIBIDOS

| | | Pesetas |
|---|---|---|
| D. Ruiz | Córdoba | 25 |
| V. Ortiz | Zaragoza | 20 |
| J. Marcé | Vendrell | 40 |
| F. Alsina | Barcelona | 40 |
| S. Alberich | Barcelona | 40 |
| J. Roig | Barcelona | 40 |
| M. Alsina | Barcelona | 40 |
| E. Tudela | Valencia | 100 |
| E. Guillem | Valencia | 40 |
| Grupo Auroro | Barcelona | 40 |
| F. Vilá | Barcelona | 40 |
| J. Ferrer Serrano | Barcelona | 40 |
| J. Ravell | Barcelona | 40 |
| S. Vadal | Barcelona | 40 |
| T. Estanislau | Barcelona | 40 |
| J. Guitart | Barcelona | 40 |
| A. Gomila | Barcelona | 40 |
| A. Pascual | Alcoy | 15 |
| M. Sancho Izquierdo | Zaragoza | 200 |
| A. García | Bilbao | 25 |
| J. Salvá | Caldas de Estrach | 40 |
| E. Mateo | Zuera | 25 |
| S. P. Arranz | Madrid | 50 |
| F. Diez | Constantina | 15 |
| A. Asensi | El Palmar | 15 |
| J. Pastor | Novelda | 40 |
| M. Ruiz Maza | Madrid | 15 |
| CONTINUARA | SUMA Y SIGUE | 1.145 |




# XXVa HISPANA JUBILEA

# KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H.E.F.
Okazonta en Valencio de la 21a ĝis la 24a de julio 1964a
Adreso de la Organiza Komitato:
Sekretariejo de H.E.F.
P.º M.ª Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA

PLEJ FREŜAJ INFORMOJ:

HONORKOMITATO. — La Ministraj Moŝtoj de Nacia Edukado, kaj Informado kaj Turismo, akceptis aparteni al la Honora Komitato de la Kongreso. La Ĉefaŭtoritatularo de Valencia, krom plezure akcepti tion, promesis ĉeesti la solenajn kunsidojn de la Kongreso.

SOLENA MESO. — Diservos la Ĉefepiskopo de Valencia. En afable letero al nia Prezidanto lin promesas mem diservi kaj ĉeesti la inaŭguran kunsidon, kaj se eble la aliajn. Per kortuŝaj vortoj li finas la leteron skribante: «Ekde nun mi preĝpetas al la Sinjoro ke ĉiuj antaŭpreparoj kaj kunsidoj atingu la plej grandan sukceson».

LITERATURA KONKURSO. — La Rektora Moŝto de la Valencia Universitato akceptis la peton de nia Prezidanto kaj tiasence donacos Premion por la Literatura Konkurso.

MALFERMA KUNSIDO. — Ankaŭ la Rektora Moŝto de la Valencia Universitato komplezante pluan peton de nia Prezidanto, akceptis meti je nia dispono la Paranimfon de la Universitato, por la malferma kunsido.

PRELEGOJ. — Ni povas jam anonci al niaj gesamideanoj ke du el niaj plej brilaj kaj kapablaj oratoroj prelegos dum la Kongreso. Ili estas: En Esperanto, Sro. Mariano Solá Monserrat, el Tarrasa; kaj en hispana Sro. Alberto Sánchez, el Madrid.

Post nelonge estos jam finpretigitaj la koncernaj kongresarangôj, do ni aperigos la oportunan Kongresprogramon en la venonta numero de BOLETIN.

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - Zaragoza D. L. Z - 375 - 63